


# INTERNACIA FERVOJISTO

2005.1



Partopreno en INNOTRANS-ekspozicio

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# BONAN NOVJARON

**Gratulojn al nia IFEF-Honora Membro**

Nomumita Honora Membro en jaro 2004,

**Gertrud Eggenberger** festos sian 80 jariĝon

la sesan de februaro 2005

**Korajn gratulojn por ŝia plurjardeka rezultohava grava laboro.**

**Frontpaĝe**
De maldekstre: Heinz Hoffman, Bod Ehrlich, Jan Niemann, kaj Ladislav Kovář partoprenis en la ekspozicio INNOTRANS okazinta en Berlino. Vidu la artikolon en paĝo 12.

## Enhavo




## 57-a IFEF-KONGRESO EN BRAŞOV (RUMANIO) (7-14 de majo 2005)

Kongresadreso: 57-a IFEF-kongreso, RO-Braşov O.P1; C.P.71
tel/fakso: +40 268 320 504
Hejmpaĝo: ://http.REFA.home.ro
Retadreso: refa@home.ro
57ifk@brv.cfr.ro
Rodica.todor@pcnet.ro

**Atentu pri la nova konto de REFA**

Ekde nun ĝi estas:

(IBAN Internacia) **RO 69 BRDE 080 SV 04 373 250 800**

***Dum nia ĉeesto en Braşov, ni povos ĝui belajn turismajn vizitojn. Jen kelkaj el ili.***

**BRAŞOV - urbotrarigardado**

Dum sia longa historio, Braşov konservis memoraĵojn ekde arkeologiaj elfosaĵoj, mezepokaj postrestaĵoj, ĝis modernaj konstruaĵoj. Pluraj domoj havas sian rakonton. La ĉiĉerono malkovros al ni la politikan, artan aŭ kulturan vivon de la urbo. Pro la samtempaj "Festotagoj de Braşovo" okazantaj ĉiujare la unuan dimanĉon post la Pasko, ni ĝuos apartan etoson de tiu ĉi unika jara evento. Folkloraj grupoj montros al ni ne nur buntkolorajn kostumojn, sed ankaŭ regalos nin per tradiciaj kukoj kaj trinkaĵoj.

**KASTELO BRAN**
**Historio kaj Legendo**

Troviĝanta 30 kilometrojn sude de Braşov, en la montpasejo Rukar-Bran inter la Montoj Bucegi (Buĉeĝi) kaj Piatra Craiului (Reĝa Ŝtono), la kastelo estas grava nacia monumento kaj gvidosigno de la rumana turismo.

Ĝi famas pro sia beleco kaj la ĉirkaŭanta pejzaĝo, sed ĝia famo ligiĝas al la legendo de la Grafo Drakulo, kies etoso ankoraŭ hantas ĉi tiujn praajn regionojn.

La unua dokumenta atestaĵo de la Kastelo Bran estas akto de la 19-a de novembro 1377 de la hungara reĝo Ludoviko la Unua de Anĵuo, per kiu la Braŝovanoj ricevis la privilegion konstrui la civiton "per siaj laboro kaj elspezo...". Interŝanĝe, la reĝo konfirmis


Bran-kastelo


**Bran-kastelo**

la subigon de 13 loĝlokoj al la civito de Braşov.

Ĝi estis konstruita inter 1377-1378 pro militaj celoj, por plenumi rolon de doganejo sur komerca vojo liginta Braŝovon disde Valakio (tra Kampolongo). La mastrumeco estis donita al la kastelestro, kiu ankaŭ havis juristan rolon. La permanenta garnizono konsistis el pafarkistoj kaj pafilegistoj. La konstruaĵojn de la doganejo oni povas ankoraŭ vidi.

La civito havis plurajn mastrojn dum la tempo, inter kiuj la valaka princo Mircea cel Bătrân (Mirĉo la Olda) kaj la hungara reĝo Sigismundo la Unua de Luksemburgio.

Fine de la 15-a jarcento, ĝi estas sub la aŭtoritato de la komitatestro de la Sikuloj, respondeculo por la defendo de la sud-orienta Transilvanio. Dum Johano de Hunedoara ĝi eniris sub la regado de la transilvania vojevodo. Inter 1498-1878 ĝi apartenis al la urbo Braşov.

La 1-an de decembro 1920, la Urba Konsilio de Braşov donacis la kastelon al la reĝino de Rumanio, Maria, kiel dankemon pro ŝia kontribuo al la Granda Unuiĝo de 1918.

Inter la jaroj 1920-1927, la Kastelo Bran estis restaŭrita sub la estrado de la arkitekto de la Reĝa Kortego, Karel Liman, kiu transformis ĝin en belan someran rezidejon, ĉirkaŭitan de granda parko kun aleoj por promenado, lago, fontanoj, terasoj, Teodomo. En 1938 la reĝino Maria testamentis la kastelon kaj ties bienon al sia filino, la princino Ileana, kiu regis ĝin ĝis 1948.

Post la ekzilo de la rumana reĝa familio, en 1948, la kastelo Bran estis en la proprieto de la Rumana Ŝtato kaj restis dum iu periodo neglektita. Hodiaŭ, ĉi tie troviĝas Muzeoj pri Historio, pri Mezepoka Arto kaj Etnografio.

En 1956, parte taŭgaranĝita, ĝi malfermiĝis kiel Muzeo pri feŭda historio kaj arto.

Ĉar ĝi estis serioze detruita, en 1987, la kastelon restaŭris la Ŝtato. La laboraĵo estis grandparte finita en 1993. La finorganizado de la muzeo estis farita laŭ novaj kriterioj, rezultoj de la lastjaraj esploradoj.

**SINAIA - La Perlo de Karpatoj**

Ĉe la malsuproj de la montoj Buĉeĝi kaj Baju, la ĉefurbo de la fama Prahova Valo, Sinaia estis unuafoje menciita en dokumentoj en la jaro 1690, sub la nomo *Izvorul (La Fonto).*

Ekde 1874, ĝi portas la nunan nomon - "Sinaia" - nomo pri kiu la tiutempaj dokumentoj supozas ke ĝi devenas el "Sinajo", La Sankta Monto, vizitita de Spătarul Mihai Cantacuzino (Spataro Mihajlo Kantakuzino) tiu, kiu konstruigis en la urbo la monaĥejon "Endormiĝo de la Dipatrino" (1690-1695), laŭ la modelo de la monaĥejo "Sankta Helena" sur la monto Sinajo.


Sinaia, perlo de Karpatoj

La monaĥeja preĝejo estis konstruita laŭ la spirito de la epoko de la princo Constantin Brâncoveanu (Konstanteno Brankovano) (1688-1714) kaj ĝian internon pentris la fama tiutempa pentristo Pârvu Mutu.

La reĝo Karlo la Unua de Rumanio (1866-1914) deklaris Sinaia-n "reĝa somerrezidejo" kaj konstruigis la Kastelon Peleŝ, kiu restas la ĉefa pitoreskaĵo de la urbo.

Konstruita inter 1873-1883 (la unua etaĝo) kaj 1896-1914 (la dua etaĝo) en la arkitektura stilo de la Germana Renesanco, laŭ la planoj de la viena arkitekto Vilhelmo de Doderer kaj de la germana Johano Schultz el Lembergo, la kastelo estos transformita laŭ gotika maniero de la ĉeĥa arkitekto Karel Liman, en la jaroj 1896-1914. La tuta konstruaĵo konsistas el 160 ĉambroj kaj havas centran turon altan je 66 metroj, kiu donas al ĝi fabelan bildon.

Nuntempe, la Kastelo Peleŝ estas unu el la plej interesaj kaj vizititaj rumanaj muzeoj. Ĉiuj salonoj, ĉambroj, koridoroj diversstilaj ofertas al la vizitantoj agrablajn surprizojn; la sinsekvo de diversaj stiloj estas vera leciono pri arto. La delikata meblaro, la speguloj de Murano, la barokaj baldakenoj, la ĉambroj ramburitaj per Kordoba felo kaj mirindaj vitraloj atendas tiujn, kiuj eniras en la fantastan mondon de tiuj belecoj. La biblioteko enhavas valorajn librojn kaj inkunablojn senprezajn, kaj la korto de la palaco havas multnombrajn statuajn grupojn, dignajn je subĉiela muzeo.

Oni ankoraŭ povas viziti en Sinaia *Kazinon,* konstruitan en 1912 laŭ la modelo de la montekarla kazino kaj la *Muzeon George Enescu (Georgo Enesku),* vilaon konstruitan inter la jaroj 1921-1922 laŭ la planoj de la muzikisto, kie la plej fama rumana komponisto verkis parton de sia senmorta verkaro. Ĉi tie, Enesku gastigis dum tri sinsekvaj someroj, sian grandan amikon, Jehudi Menuhin.

Hodiaŭ, Sinaia estas grava turisma centro, kie okazas prestiĝaj sciencaj kaj kulturo-artismaj aranĝoj enlandaj kaj internaciaj.

La okcidentan etoson de la urbo reliefigas la multnombraj hoteloj kaj la modernaj restoracioj. Vilaoj, kun specifa montara arkitekturo, monto-



domoj, gastejoj, turismejoj, privataj domoj atendas siajn gastojn.

Por la vojaĝemuloj, Sinaia estas la ĉefa deirpunkto (per kablotramo) al la montodomoj de la Montoj Buĉeĝi: *Cota 1400, Vârful cu Dor (Sopirplena Montosupro)* 2000, *Cuibul Dorului (Nesto de la Sopiro)* 1200, la famaj *Babele (Oldulinoj)* 2200, *Omul (Homo)* 2 500 m-ojn altaj; ĉiuj estas lokoj plenplenaj je historio kaj legendo.

Kaj ne laste, Sinaia estas fama skistacio, kie oni organizas ĉiujare sportajn kunvenojn.

*************************************************************************

## Gratulojn

La 24-an de oktobro 2004 la Hungara Esperanto-Asocio en Budapesto distingis S-ron Ludoviko Csonka pro lia pli ol kvindekjara esperantista agado.

D-ro Józefo Hálasz, estrarano de HEA, transdonis diplomon kaj mondonacon al nia veterana amiko.

Ludoviko Csonka, ekde 1948, partoprenas en la movado. Li estas konata persono en la fervojista movado, li partoprenis multajn IFEF-kongresojn. Ni deziras al li sanon, kaj ĉion bonan.

*D-ro Imre Ferenczy*



*Ludoviko Csonka transprenas la memordiplomon el la manoj de D-ro J. Hálasz*

# Jarkonferenco en Ĉeĥio

Ĉeĥa landa sekcio de IFEF ĉe FISAIC ČD, aranĝis en la tagoj 22.-24.10.2004 en sudĉeĥa landlima urbo České Velenice, sian 39an jarkonferencon. Partoprenis delegitoj kaj gastoj el Aŭstrio, Germanio, Hungario, Pollando kaj Rumanio.

Dum labora parto, la ĉeĥaj fervojistoj pritraktis sian agadon, kiu konsistas el bona kunlaboro kaj partopreno en agado de IFEF; instruado kaj plialtigado de lingvokonoj de la membroj; organizado de fakprelegoj kaj ekspozicioj; partopreno en terminara kaj fakprelega agadoj, traduko de tekstoj por filmoj (ekz. "100 jaroj de la unua elektrizita fervojo en Ĉeĥio Tábor-Bechyně"); gvidiloj tra fervojaj muzeoj (ekz. la plej granda Muzeo ČD Lužnáu Rakovníka); resumoj en Esperanto por fakaj libroj (ekz. Muzea ekspozicio de telekomunikada kaj sekurecinstalaĵa tekniko en Kradec Králové); verkado kaj tradukado de fakaj artikoloj kaj prelegoj; partopreno en eksterlandaj E-aranĝoj.

Krom aliaj, oni partoprenis la 45-an IFES dum januaro kaj la 56-an IFK dum majo en Sopron. Komence de junio ni aranĝis Printempan konferencon kun partopreno de eksterlandaj gastoj en nordmoravia urbo Krnov, kunaranĝis E-ekspozicion de la 7-a ĝis la 31-a de aŭgusto 2004 en sudmoravia urbo Valtice kun temo "Esperanto - internacia lingvo de amikeco kaj kunlaboro". Ni inciatis kunvenon kun la polaj fervojistoj kaj reprezentantoj de Pola l.a. FISAIC fine de Julio 2004 en Varsovio cele al renovigi agadon de la Pola l.a. de IFEF. Ni vizitis la Mondo-Parkon en la pola urbo Malbork, kie apud aliaj preskaŭ tridek naciaj arboj kaj memorŝtonoj kun surskriboj en Esperanto ankaŭ troviĝas ĉeĥa tilio kaj memorŝtono iniciate de la Ĉeĥa l.a. de IFEF. Ni partoprenis naciajn konferencojn en Rumanio, Aŭstrio k.t.p.

La programo de la konferenco ankaŭ enhavis kvizon pri lingvokonoj de Esperanto kun premioj. Oni vizitis modernan Informcentron ĉe Integra



*Partoprenantoj antaŭ la fervoja stacio en Gmüd*

meza trafika faklernejo en České Velenice kaj ĝian moderne ekipitan trafikan studejon kun komputiloj. Tie funkcias reduktita modelo de trajno sur trakareto kun sistemo de interkomunikado kaj sekuriga tekniko estrata per komputiloj.

Ankaŭ interesa estis promenado tra České Velenice kaj sabata gvidata ekskurso fare de Ladislav Láni al najbara aŭstria landlima urbo Gmünd. Tie ni vizitis fervojan stacion Gmünd kaj Waldviertelan etŝpuran fervojon kun ŝpuro de 760 mm, eliranta el Gmünd tra Waldviertela Semmering, 43,1 km-ojn longa al Gross Gerunds atinganta sian plej altan punkton je 806 m super la maro.



*Parto de la modela trakaro en Meza trafika faklernejo en České Velenice kun mezuroj 2,8 x 1,6 m.*

*Ĝi havas 18 trakforkojn, 24 inversigilojn, 6 vagonarojn K.t.p. Ĉio funkcias permane aŭ pere de komputilo.*

*Jindřich Tomíšek*

## Ĉarto de la vojaĝantoj

La fervojoj de la ŝtatoj en Eŭropa Unio, kaj Norvegio kaj Svisio preparis por periodo de la jaro 2005 novaĵon por siaj klientoj. Por vojaĝantoj en internacia pasaĝertrafiko ekvalidos la Ĉarto de la vojaĝantoj.

Per tiu ĉi dokumento, la membroŝtatoj devontigas sian pli grandan respondecon rilate siajn klientojn en internacia trafiko. Oni, tiamaniere, celas sekurigi pli altan nivelon de la servoj sen konsidero de eŭropaj landlimoj.

Ekde la 1-a de januaro 2005, ekvalidas en ĉiuj partoprenantaj landoj, regularo koncerne malfruiĝintajn trajnojn en internacia trafiko. Kiam la kliento, kiu uzas internacian trajnon malfruantan pli ol 60 minutojn, aŭ noktan trajnon pi ol 120 minutojn, rajtas ricevi 20 % de la vojaĝkostoj se la bileto unudirekta kostis pli ol 50 eŭrojn. Tio ne koncernas retbiletojn (ekz. EURO DOMINO, Inter Rail) kaj se la malfruon ne kaŭzis la fervojo (ekz pro interveno de la polico, naturkatastrofo ktp).

La rajton ricevi parton de repago de la bileto uzas la kliento ĉe la fervojo, kiu vendis la bileton, dum du monatoj post la vojaĝo

Preparo de la Ĉarto de la vojaĝantoj okazis en kunlaboro de ĉiuj membrofervojoj kun la Eŭropa Komisiono.

*Jindřich Tomíšek Ĉk*

# Iom pri la 48-a jarkunveno de GEFA.

En oktobro 2004, la unuan fojon, mi partoprenis en la jarkunveno de niaj germanaj kolegoj. Ĝi okazis en Gelsenkirchen, de la 8-a ĝis la lO-a. Kion rakonti pri ĝi ? Kiel kutime, akceptado varma, gastejo taŭga, revido de multaj samideanoj el pluraj landoj (Belgio, Pollando,...), ktp.

La devizo de la jarkunveno estis "100 jaroj BSW" (Social-Servo de la germana fervojo) kaj en la unua laborkunsido partoprenis reprezentanto de BSW. Surprizis min la fino post lia parolado : anstataŭ aplaŭdi, la kunsidantoj manfrapis sian tablon. Mian najbaron mi demandis pri tio, kaj respondis li, ke kiam ne estas tabloj,... oni piedfrapas la plankon ! Tian tablan aplaŭdadon mi neniam spertis aliloke, ĉu Germana specialaĵo?

Krom tiu laborkunsido (kiu plu daŭris ankaŭ sabate matene), okazis aliaj programeroj (magia/pupteatro, lotumado, koncertumado far unu el la ĉeestantaj Poloj).

Kvankam nur 48-hora, la jarkunveno proponis du fervoj-rilatajn programerojn. Unu estis prezentado de lumbildoj pri trajn-vojaĝo al Irano (kun multaj interesaj detaloj), kaj la ĉefa programero, sabate posttagmeze, estis trajn-rondveturo per malnova relbuso. Ĝi veturigis la kongresantojn sur (mal)novaj, privataj, industriaj trakoj, tra malnovaj karbominejaj instalaĵoj. kelkaj plu funkciantaj. La ekskurso daŭris tri horojn, sed nerapide veturis la relbuso kaj multfoje ĝi ŝanĝis sian vetursencon. Eĉ, ni plurfoje veturis sur la samaj trakoj, ire kaj reire !

Por tio estis tre taŭgaj la seĝoj de la relbuso. Dank' al simpla meĥanismo (stangetoj paralelograme ligitaj), la



*Seĝo kun dorsapogilo ŝangebla laŭ la trajnveturdirekto*




seĝoj estis pli facile manipubleblaj, eĉ per nur unu mano ! Sidis la homoj, ili leviĝis, manipulis la seĝojn kaj residiĝis laŭ la ĝusta vetursenco. Tio daŭris nur kelkajn sekundojn. Mi miris kaj plu miras pri tiel simpla kaj unuavide fortika meĥanismo. Ĉu tia sistemo estis/estas uzata aliloke ? Kial do ĝi ne disvastiĝis ? Ja kiel bilet-vendisto, mi spertas, ke la klientoj ofte deziras rezervi sidlokon laŭ la vetursenco sed ne eblas elekti !

Escepto en Francio estas nur la nova "Mediteranea TGV" (kaj kelkaj estontaj trajnoj), en kiu la envagonaj sidlok-numeroj estas indikataj elektronike. Kiam la vagonaro cirkulas laŭ kontraŭa vetursenco, sufiĉas ŝanĝi la elektronikajn etikedojn. Mi ankaŭ memoras ankaŭ la IFEF-kongreson en Hamar en 1990. Dum trajnekskurso, envagonaj seĝoj estis senc-inversigeblaj : ili estis duope turneblaj per malsama meĥanismo (miamemore pli malsimpla kaj do pli difektebla). La ĉefenestra seĝo iĝis ĉekoridora kaj inverse. Kial do ne disvastiĝis la sistemo de la Gelsenkirchen-relbuso ?!

Mistero, kiun mi eble parte solvos, kiam mi partoprenos la sekvontan GEFA-jarkunvenon. Ja, post agrabla kongreso, oni emas reveni, kaj mi provos fari... kvankam la venontjara kongresloko situas pli malproksime, ĉe la norda maro ! !

Pliaj fotoj pri tiu 48-a jarkunveno videblas ĉe www.ifef.net.

*Laurent Vignaud*

# Internacia Paroliga Semajno (INPASEM)

Tiu fervojista renkontiĝo sekvas la staĝon okazintan en Parizo, kiu permesis al la partoprenantoj malkovri esperantajn bazojn. Ok francaj lernantoj de F.F.E.A. kaj du eksterlandanoj (belga kaj ĉeĥa) kuniĝis en Dobřichovice (20 km-ojn for de Prago). Ni loĝis en sporta akceptejo, kie ni manĝis, dormis kaj lernis. Du studaj niveloj estis proponitaj:

- unu kurso por komencantoj pere de la Cseh-metodo prezentita de Stano Marĉek kun sia aldonita audo-vida materialo,
- unu kurso por progresantoj.

Stano Marĉek (Slovako), redaktoro ĉe UEA, gvidis la unuan kurson kaj Petro Chrdle, komitatano de UEA, la duan. Ambaŭ ili estis tre agrablaj kaj lertaj instruistoj kaj, interese por ni, tute ne parolantaj la francan lingvon. Petro aliparte estas eldonisto de esperanta materialo.

Ĉiuj sufiĉe progresis por interparoli kun pragaj esperantistoj. Ni renkontiĝis kun ili en ilia klubo en Prago. Akceptite en agrabla etoso, ni trinkis ĉeĥan kaj francan vinon, gustumis kukojn kaj iuj interŝanĝis siajn adresojn por venonta korespondado. Ni ankaŭ ricevis donacojn de la klubanoj.



*Dum la praga vizito komentita de Petro Chrdle*

Matene, ni partoprenis interesajn interagajn kursojn. Posttagmeze, ni ĝuis la belecon de Prago, ĉiam gvidataj de Petro klariganta la vidindaĵojn esperante. Tio




permesis al ni resti en lingva mergado cele al pli bone alkutimiĝi al la bela soneco de la lingvo.

Kun Petro ni vidis la belegan lumigitan kastelon, la Ponton Karlo-n, la preĝejon "Sankta Nikolao"-n kaj diversajn monumentojn, preĝejojn devenantajn de la aŭstrohungara kulturo.

Ni alte taksis la specialaĵojn, kiujn ni spertis en kelkaj restoracioj. Bonŝance ni spektis teatraĵon, kies programo estis "Nigra Teatro".

Kiel memoraĵon, de Stano ni ricevis KD-on entenantan la tutan kurson, fotojn el Prago, el nia dobřichovica restado, revuojn kaj adresojn de radio-elsendoj.

Ni multe aprezis la ĝeneralan organizon, la kompetentecon kaj la afablecon de la intervenantoj.

Se vi ankaŭ deziras ĝui saman intereson, partoprenu en la venonta INPASEM okazonta en la sama loko de la **3-a ĝis la 9-a de oktobro 2005.**

*La partoprenantoj*

# Vizito en Berlino -
## *la ekspozicio INNOTRANS*

INNOTRANS estas inter la plej grandaj fervojfakaj ekspozicioj de Eŭropo. Ĝi okazas ĉiun duan jaron en la granda foira areo proksime al ICC kaj la Fernsehturm en la okcidenta parto de Berlino.



*Jan Niemann*

Estas faka, "fermita" foiro, kaj la ordinara publiko povas viziti, dum la lastaj tagoj (semajnfino), la ekspoziciaĵojn eksterdome - sufiĉe granda tereno kun traklongeco de unu kilometro.

Dum la ĉijara INNOTRANS, pli ol 1000 ekspoziciantoj montris siajn produktojn kaj sciojn: estis fervojaj entreprenoj, ŝtataj fervojoj (i.a. la ĉinaj), liverantoj de ĉio fervojrilata ... Pro tio estas granda ĝojo por mi, ke eblis por kelkaj FAK-uloj viziti la foiron.

Partoprenis en tiu 'ekskurso' Ladislav Kovář, Heinz Hoffmann, Bod Ehrlich (kiu iniciatis) kaj mi, kaj krome estis kune kun ni germana esperantisto, Peter Künchel, spertulo pri bustrafiko. Li prelegis dum la foiro pri tio kadre de la foira temo '4a Forumo pri ÖPNV' (publika person-proksimurba trafiko).

La foiro estas TRE granda - ĝi plenigas la tuton de kvar grandaj haloj, el kiuj kvar estas duetaĝaj. Ni vizitis kelkajn budojn kun rilatoj al internacia fak-kunlaboro, kaj ni eksciis, ke okazas kunlaboro kun temo 'fervojo' inter pluraj teknikaj universitatoj kaj esploristoj. Oni kunlaboras en diversaj projektoj, kaj tio estas ja la maniero nuntempa. Kompreneble ni ankaŭ vizitis budojn de niaj landoj - Ĉeĥio, Germanio, Danio.

Estis entute bone travivaĵo de alta faka nivelo, kaj oni bone akceptis nin, kiam ni diris, de kie ni venas. Tiu vizito estis 'provo' por la gvidantoj de FAK, kaj mi esperas, ke eblos por INNOTRANS 2006 ripeti la viziton, kaj eble estos pli da FAK-kunlaborantoj.

*Jan NIEMANN*

# *Ne forgesu la dentopaston...*

Kutime, estas mia edzino, kiu provizas per dentopasto, la tutan familion. Lastatempe, eksterurbe kaj kunhavante nek edzinon nek dentopaston, mi decidis aĉeti ĝin. Hotelisto konsilis min iri al apuda vendejo.

Bonveniginte, junulo kun kuracistbarona mieno, demandis al mi, kion mi bezonas. "Dentopaston" mi respondis. Li kuntiris la brovojn kiel mi estus petinta renon por transplantado.

- "Venu tien ĉi" li susuris, irante al butikangulo. "Ĉu la dentopasto estas por vi persone?" Dummomente mi timis esti en aparta butiko en kiu per kodvorto kiel "dentopasto"oni ricevas drogdozon.

- "Jes, ĝi estas por mi." mi diris timigita, sed mi aldonis, ke eble, ankaŭ por miaj familianoj. "Mi komprenas" prisentencis la komizo. "Tio signifas, ke vi bezonas plurefikan dentopaston." "Ho, ne" mi protestis. "Ĝi utilu por dentpurigado! "

Ne ŝajnigante esti aŭdinta, li daŭrigis: "Ni havas 45 plurefikajn tipojn." Tiam li fikse kaj enkete rigardis min: "ĉu vi uzas elektran broŝeton aŭ antikvan permanan?"

- "Verdire, la lastan" respondis mi, kvazaŭ ruĝiĝante. Li rigardis kompate kaj akompanis min ĉe la alia flanko de la vendobenko. "Estas 32 tipoj por konvenciaj broŝetoj" li rivelis. "Mi elektas iun ajn el ili" diris mi, tre dezirante fini tiun strangan situacion.

Fiksante min tra la ostkadritaj okulvitroj, la ulo elmontris tubeton: "Ja, vi volas iun por refreŝigi la elspiron krom por purigi la dentojn, ĉu ne?"

- "Ekzakte" mi diris, kaj etendis la manon por kapti la tubeton. Sed li estis pli rapida ol mi kaj kaŝis ĝin malantaŭ sin.

- "Tiu ĉi tipo ne enhavas illiridion" li susuris.

- "Kio estas tio?"

- "Ĝi blankigas la dentojn neĝfreŝe. Ĝia efiko daŭras 12 horojn kaj oni povas vidi tion en mallumo je tri metra distanco!"

Mi imagis la interŝanĝajn ridetojn kun mia edzino dumnokte. Tiam mi estus aĉetinta ĉion ajn. "Bonege, por tiu kun illiridio" mi konsentis rezigne.

- "Ĉu vi volas tiun kun la nova aganto Z 0068, kiu plifortigas la gingivojn?" restartis atake la komizo aŭ komunan por dentoj, kiuj certe baldaŭ falos?"

- "Tiun kun Z 0068" mi diris.

- "Kun fluoro, kompreneble." "Ja,jes."

- "Ni havas ĝin kun strioj aŭ kun kvadratetoj." Li paŝis malantaŭen kaj kapklininte trarigardis min. -Vi ne estas dika, pro tio mi konsilus la kvadratitan. Tiel vi aperos pli larĝŝultre!" "Bonege" mi sopiris, 'Konsentite, blankruĝe kvadratitan."

- "Oni ne forgesu," li aldonis konvinktone "ke ankaù via edzino uzos ĝin. Ĉu ŝi estas blonda aŭ bruna'."' "Blonda" rni respondis. "Ĉi-kaze mi konsilas la blankbluan" li diris. Mi konsentis.

- "Ni vendas ĝin en kvar formatoj: " tiam anoncis la nelacigebla vendisto "porfamilia, porŝpara, normala kaj minia."

- "Donu al mi porvojaĝan tubeton minian, mi petas " mi eksplodis senpripensante du fojojn. Sed jam estis malfrue.

La komizo malaperis kaj post iom da tempo revenis kun deko da miniaj tubetoj. La lastajn vortojn, kiujn mi aŭdis dum mi fuĝis eksteren estis: "Ĉu mi povas demandi, al kiujn landojn vi intencas alveturi, ĉar, vidu, ni havas..."

*Hans Moser,*
*tradukadaptis Romano Bolognesi*
*(el IFEA Informa Bulteno de majo 2003)*

# Kajto produktis novan K-D-on

*Kajto povas entuziasmigi per la muziko.*
*Esperanto estas parto de ĝi, kaj ĝi estas parto de Esperanto!*

**La plej nova KD interesas la fervojajn ŝatantojn**

*Tiu KD "Lokomotivo, rulu nun!" enhavas la kantojn jenan :*

**Fajfu, jen la Vivo!**
**Ĉuk -Tsĉ tsĉ,**
**Montaraj Reloj,**
**Melankolia Trajnkanzono,**
**La Alarmobremso,**
**Stacidoma Muzikanto,**
**Stacidoma Tumulto,**
**Mia propra Trajno,**
**La Malluma Vagono,**
**Rulu nun!**
**La Trajnobsedato,**
**Atentu!**

**Ĉiuj kantoj temas pri fervojo.**




Tiu KD estas aĉetebla kontraŭ 12,95 € ĉe:

***VINILKOSMO***
***2 bis Chemin du Canal***
***FR-31450 DONNEVILLE***
***Retadreso:***
***eurokka@club-internet.fr***

## KAEST 04 SUKCESA

Konferenco por Apliko de Esperanto en Scienco kaj Tekniko okazis de la 12-a ĝis la 14-a de novembro 2004 en Dobřichovice, Ĉeĥio. Organizanto, kiel kutime estis KAVA-PECH. Partoprenis 40 personoj. Okazis 11 prelegoj kaj ĝenerala diskuto. Prelegis eminentaj homoj (M. Bavant kaj O.Haszpra - akademianoj, V. kaj D.Blanke, J.Werner, M.Malovec, R.Sachs, B. Leonov, H. Hoffmann, M.Minich kaj J.Hron. Oni prezentis plurajn projektojn de fakaj vortaroj kaj terminaroj kaj elektonikajn sistemojn kaj solvojn utilajn aparte en la vortarfarado. Elstaris prezento de la laboro de E@I.

La sekva KAEST okazos en 2005.

*Raportis: Zlatko Tiŝljar*

## Honorigitoj

Kiam IFEF distingas membron per honora membreco aŭ FISAIC per medalo, ni enskribas tion en IF. Sed, kiu memoras ĉiujn ricevintojn ! Tial ni jen publikigas liston de nun vivantaj honoraj prezidantoj kaj membroj, honorigitoj per FISAIC-medalo kaj membroj de la Honora Patrona Komitato de IFEF.

| **Honora prezidanto** | | | **Jaro** |
|---|---|---|---|
| Engen Per | Norvegio | | 1998 |
| **Honoraj membroj** | | | |
| Kruse Elfriede | Germanio | | 1980 |
| Engen Per | Norvegio | | 1988 |
| Olsen Henning | Danio | | 1995 |
| BarnickelWillem | Germanio | | 1996 |
| De Sutter Lucien | Belgio | | 1997 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | | 1997 |
| Rösemann Otto | Germanio | | 1999 |
| Patay János | Hungario | | 2000 |
| Glättli Ernst | Svisio | | 2001 |
| Hartig Heinz-Dieter | Germanio | | 2001 |
| Bengtsson Harry | Svedio | | 2002 |
| Eggenberger Gertrud | Svisio | | 2004 |
| **Honora membro de FISAIC** | | | |
| De Sutter Lucien | Belgio | | 1998 |
| **Honorigitoj per FISAIC-medalo speciala** | | | |
| Geroldinger Johann | Aŭstrio | ora | 1967 |
| Blauw Thies | Nederlando | arĝenta | 1967 |
| Hunkeler Hans | Svislando | bronza | 1967 |
| Kruse Elfriede | Germanio | ora | 1975 |
| Bengtsson Harry | Svedio | bronza | 1976 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | ora | 1986 |
| Hartig Heinz Dieter | Germanio | ora | 1988 |
| Robiolle Pierre | Francio | ora | 1994 |
| Engen Per | Norvegio | ora | 1998 |
| **Honora Patrona Komitato de IFEF** | | | |
| Ceci Pasquale | Italio | Direktoro de Dopolavoro Ferroviaro, Bologna | 1970 |
| D-rino Boulton Majorie | Britio | Universitato Oxford | 1977 |
| Inĝ Rodak Aleksander | Pollando | Ĉefdirektoro de la fervoja direkcio Katowice | 1987 |
| Inĝ Vojtěch Zelenka | Ĉeĥio | Direktoro de la fervoja direkcio en Ĉeĥio | 2003 |

**INTERNACIA FERVOJISTO**
57-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de
**Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** Istvan Gulyas
Rakos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"konsu13@freemail.hu"

**Redaktoro:** Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
"Jeanripoche@wanadoo.fr"

**Sekretario:** Marica Brletic
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allee du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"Laurent.Vignaud@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(paganto per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo : PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrassy ut 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270

VIG 2003.494
**Faka komisiono**
GV: Jan Nieman:
"esperanto@mail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"IFEF.B90Gr-mei@-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovar
"ladislav.kovar@worldonline.cz"

# Bildkarta agado

En la IF-numero 2004.2, GEFA anoncis memorfeston pri la 100-jaraĝa datreveno de la fondo de "Stiftung BSW" (Fondajo de Fervoja Sociala Entrepreno) en Germanio. Honore al tiu manifestacio, gratulkartoj estis senditaj al tiuj organizantoj.

Ne eblas aparte danki al ĉiu sendinto de gratulkartoj. Tamen la GEFA-prezidanto, Rolf Terjung, pere de nia IF-revuo, deziras esprimi siajn rekonon kaj dankojn al la ĉi-sekvaj personoj.

**El Germanio:**
Reinhard Stoll (kun kolektajo de fervojaj motivoj);
Martin Schneider; Fritz Laŭtenbach, Henry Hartwig, Familio Kronshage, Karl-Heinz Marzahn (kun fervojaj kartoj); Hans Jankowski, Ursula Schrapp. Otto Nitsche.

**El Hungario:**
Kongreskomitato en Sopron;
du francaj kongrespartoprenantoj;
Zalaegerszeg, Heinz Schindler, Egon Kieffer.

**El Bulgario:**
Rena Georgieva, Aleksandar kaj Tzwetka Mateevi, Elena Mateeva.

**El Slovenio**: Gratulkarto el Maribor.

**El Belgio**: Marc Cuffec.

**El Italio**: Gratulkarto el PREDOSA; Reno Mignani, Gratulkarto el FIDENCA.

**El Francio**: Jean Ripoche per gratulkarto,

**El Ĉeĥio**: Zdeněk Polák.

**El Aŭstrio**: Martin Stupping.

**El Danio**: Astrid Birkbak

Rolf TERJUNG
GEFA-prezidanto

*Fervoja Korespondа Servo*
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, Bl 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com



*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp.*
*Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*